



# juna amiko





INTER
NACIA
LERNEJA
ESPERANTO
REVUO

SEPTEMBRO 1978
5-A JARO
N-ro 2 (14)




Nemzetközi eszperantó diáklap

Megjelenik évente háromszor

V. évfolyam
2. szám, 1978.

Felelős szerk.:
Kurucz Géza

Kiadja
a Magyar Eszperantó Szövetség
1081 Budapest
Kenyérmező u. 6.

Felelős kiadó:
Vaskó Tibor

Készült
a Somogy megyei Nyomdaipari Vállalat kaposvári üzemében
— 78-7087 — 4000 példányban
Felelős vezető:
Farkas Béla igazgató



TASKO DE ĈIU ESPERANTISTO: PROPAGANDI LA REVUON INTER LA KOMENCANTOJ





# FINNLANDO

Ĉu vi jam vidis ie aŭtomobilon kun la signo SF? Ĉu vi tuj divenis, ke tiuj du literoj signifas „*Suomi-Finnland*"? La unua vorto estas la oficiala[2] finna nomo, la dua la sveda nomo de mia lando.

Dum jar'centoj, Finnlando apartenis al *Svedio*, ĝis la jaro 1809, kiam ĝi iĝis aŭtonoma[3] parto de *Ruslando*. De 1917, Finnlando estas sen-dependa ŝtato, kaj ĝi havas bonajn rilatojn kun orientaj kaj okcidentaj landoj.

Kia estas la lando mem? Se vi volas vojaĝi de la plej suda mar'bordo ĝis la plej norda limo, vi devas veturi 1160 kilometrojn. Sur la tuta vojo, ravas[4] vin belega pejzaĝo[5]: vintre blanka, somere verda kaj blua. La bluaĵoj estas niaj ses-dek mil (!) lagoj, kaj la verdaĵoj estas, kompreneble, niaj arb'ar'egoj.

Ju pli norden oni veturas, des malpli da homoj oni trovas el nia 4,7-miliona loĝ'ant'aro; kaj des pli malaltaj estas la arboj. Se, en somero, vi atingas la nordan regionon, *Laponion*, vi venas en „eternan" tagon, kie la suno ne sub-iras dum pli ol 70 tagoj. Pro la ĉiama taga kaj nokta lumo, la laponoj devas pagi, en vintro, per tri-monata nokto. Eble tial, iliaj naciaj kostumoj estas tre kolorriĉaj. Neniam demandu al ili: „Kiom da boacoj[6] vi posedas?" Tio estus, por ili la sa-



# LANDO DE LAGOJ, DE NOKTO-MEZA SUNO KAJ DE SAŬNOJ[1]

ma. kiel demandi al aliaj homoj: „Kiom da mono vi havas en via banko[7]?"

Krom nokto-meza sun'brilo, ĉia-specaj festoj kaj festivaloj[8] allogas grandan nombron da turistoj[9] al la somera Finnlando. La opera[10] festivalo, okaz'anta en *Olavinlinna*, kastelo[11] el la mez'epoko, en la urbo *Savonlinna*, jam akiris internacian famon. Ŝat'antoj de popolaj muziko, kantoj kaj dancoj ĝuas[12] kelka-tagan festivalon en *Kaustinen*.

La finna lingvo apartenas al la ungro-finna lingvo-familio. Sed la parolantoj de parencaj lingvoj (ekzemple la hungara kaj la estona) tute ne komprenas finnojn, kaj inverse[13]. Tial. ni devas lerni multajn fremdajn lingvojn en lernejoj.

Fremduloj, kiuj loĝas en Finnlando — almenaŭ dum kelkaj tagoj — tiuj facile konstatas, ke la finnoj ne povas vivi sen saŭno. La vorto mem estas facile el-parol'ebla por ekster-landanoj; ĝi signifas tamen ion, kion multaj ne povas kompreni. Kio estas „saŭno"? Ĉu nur simpla ŝvit'banejo[14]? Sidi en varmega vaporo — ofte pli ol 100-grada —, tio certe signifas iom pli ol „bani sin". Tio estas kvazaŭ ceremonio[15], al kiu finnoj tre sopiras[16], kiam ili estas eksterlande. En tiu ĉambreto (aŭ ofte eĉ aparta dometo) ĉiu finno „re-

1. vapor'banejo/ 2. regula laŭ nacialingva formo/ 3. parte sen-de-penda/ 4. plezurigas per sia beleco/ 5. natura belaĵo/ 6. la plej grava dombesto de nordaj regionoj; mam'besto kun kornoj/ 7. ŝtata entrepreno, kiu pruntas kaj gardas monon/ 8. granda festa aranĝaĵo, kutime internacia/ 9. turisto: homo, kiu vojaĝas por sia plezuro/ 10. opero: teatra verko kiu konsistas el muziko kaj kantoj/ 11. tre bela kaj granda konstruaĵo/ 12. havas plezuron/ 13. inverse: en kontraŭa direkto/ 14. ŝviti: el-igi tra haŭto malgrandajn akvo-gutojn pro varmo aŭ laciga laboro korpa/ 15. festaj agoj, aranĝ'itaj laŭ severa sin-sekvo/ 16. tre forte deziras/ 17. malfacile divenebla.

*PIED'NOTOJ* de „Kiros kaj Tomiris" (4-a paĝo)

1. antaŭ Kristo/ 2. kuŝas; troviĝas/ 3. homo de popolo/ 4. virino, kies edzo mortis/ 5. proklami: publike anonci/ 6. kuristo, kiu transdonas sciigon/ 7. sciigo; informo/ 8. el-tenu doloron aŭ ofendon/ 9. nomo de iama Azia lando/ 10. titolo de alt'rang'uloj/ 11.

Daŭrigo sur la 5-a paĝo!

naskiĝas", lasas sian lacecon, akiras novan forton kaj ĝojon, kaj tra-vivas ion malfacile klar'ig'eblan. La sekretoj de tiu enigma[17] loko, estu invito al ĉiuj homoj, kiuj volas sperti ne-forges'eblan plezuron.

*Sirpa Honkanen* (Finnlando)

Fotoj: Finna saŭno
Skulptaĵo por la memoro de Sibelius




*Okcidente de la Kaspia Maro situas[2] la montaro Kaŭkazo, kaj oriente de ĝi, estas grandega sen-lima ebenaĵo. Parto de tiu vasta regiono estis loĝ'ata de masagetoj[3]. La celo de Kiros estis: milite batali kontraŭ ili, pro pluraj kaŭzoj. Unue, pro sia deveno (li ja konsideris sin supera al ordinaraj homoj); due, tial ke konstanta milita sukceso daŭre akompanis lin.*

*En tiu tempo, super la masagetoj reĝis vidvino[4], Tomiris. Unue, Kiros deziris akiri la landon per edzin'igo; sed ŝi tra-vidis lian kaŝ'itan celon kaj tial, ŝi malakceptis la proponon.*

*Tiam, Kiros iris kun sia milit-ist'aro al la rivero Arakses; li proklamis[5] militon, kaj ordonis konstrui pontojn super la rivero. Kiam Tomiris ek-sciis pri tio, ŝi sendis al li heroldon[6] kun la jena mesaĝo[7]:*

*„Reĝo de medoj[3], ĉesigu la milit'adon, ĉar vi ne povas antaŭ-scii, kiel ĝi finiĝos por vi. Ĉesigu vian*

ĉefa dio de la pragrekoj/ 12. havas militan ordon'povon/ 13. tiel klare kaj sendube, ke ĝi ne bezonas pruvon/ 14. sekvi kur'ante por atingi/ 15. lukso: kutima uzado de multekost'aĵoj/ 16. mortigi beston/ 17. regali: afable doni al iu manĝaĵojn kaj trinkaĵojn/ 18. tre bon'gusta manĝaĵo/ 19. trinkos vinon sen-mezure/ 20. ekster'ordinare kuraĝaj faroj.



*penadon, kaj regu pace super viaj sub-uloj! Toleru[8], kun trankvilo, ke ankaŭ ni pace regas super la niaj. Sed, se vi ne akceptas mian konsilon, kaj se vi volas fari provon kun la masagetoj, nu: provu! Tamen, ne penadu trans-ponti la riveron! Ni re-tiros nin tri tagojn da marŝo-vojo; kaj vi ĉiuj povos veni sur nian teron! Aŭ, se vi preferas akcepti nin sur via tero, agu same kiel mi proponis."*

*Kiros kun-vokis la persajn[3] militistajn ĉefojn; li konigis al ili la*

***Laŭ Herodoto (ĉirkaŭ 480—425 a. Kr.[1])***

# KIROS KAJ TOMIRIS

*proponojn de Tomiris, kaj petis ilin pri ilia konsilo: Kiun, el la du proponoj, li elektu? La konsilo de la ĉefoj estis unu-anima: renkonti la armeon de Tomiris sur hejma tero.*

*Ankaŭ Kroisos el Lidio[9] partoprenis en la konsiliĝo; kaj li levis sian voĉon kontraŭ tiu de la ĉefoj, dir'ante: „Mia Reĝa Moŝto[10]! Ĉar dio Zeuso[11] metis min sub vian povon, mi konsideras, kiel ĉefan taskon, for-igi danĝeron, kiu minacas vian hejmon. Se vi kredus, ke vi estas sen-morta (kaj ke tia estas ankaŭ la soldataro, kiun vi komandas[12]), tiu-okaze estus super-flue malkovri mian opinion. Sed, se vi konscias, ke ankaŭ vi estas nur homo, kaj ke vi regas super ordinaraj homoj, prenu en konsideron mian proponon, rekte kontraŭan al tiu de la ceteraj ĉefoj:*

*Se vi lasus en-iri la malamikan armeon en nian landon, vi trovus en tio la jenan danĝeron: Se vi malvenkus, vi perdus ankaŭ vian reĝecon; ĉar, estas evidente[13] ke, okaze de venko de la masagetoj, ili ne kurus malantaŭen; male, ili atakus vian regno-landon.*

ABC
POR KOMENCANTOJ

*Kaj se estus vi, kiu venkus, via venko ne estus same valora kiel venko sur trans-rivera tero, kie vi povus persekuti[14] la for-kur'antojn, kaj okupi la landon de Tomiris. Sen paroli pri tio, ke estus hont'ige kaj ne-toler'eble por Kiros, filo de Kambises, retiri sin en sian regno-landon antaŭ virino. Mi do konsilas al vi: Iru trans la riveron! Dum ili retiriĝas, marŝu antaŭen kaj, poste, provu venke bati ilin! Oni-dire, la masagetoj ne konas la bon'staton kaj la lukson[15] de la persoj. Ordonu buĉi[16] multajn bovojn, kaj pretigu el ili luksan regalon[17] en la tendaro; krome, igu al-doni vinon kaj ĉia-specajn frand'aĵojn[18]! Kaj, fine, post-lasu tie la malplej valoran parton de via militistaro: la ceteraj armeanoj re-venu al la rivero! Vid'ante la riĉan regalon, la masagetoj, tre ver'ŝajne, diboĉos[19] sin-forgese, kaj tiam, venos nia vico plenumi hero-aĵojn[20] super ili."*

*Tiel estis la du malsamaj konsiloj de la militaj ĉefoj. Kiros malakceptis la unuan, kaj akceptis la duan. Li sendis mesaĝiston[7] al Tomiris, kaj proponis al ŝi, ke ŝi retiru sian soldataron, ĉar li intencas transiri sur la teron de la masagetoj. Sekve, Tomiris retiris sian armeon, konforme al ŝia unua propono.*

DAURIGO SEKVOS

# *PROVU PLUR-FOJE FALDI PAPERO-FOLION!*

Se vi faldas unu-foje folion el papero, kies dikeco estas unu dekono de milimetro[1], la dikeco de la fald'it'aĵo estas 2 dekonoj de milimetro. Tio estas evidenta[2], ĉu ne?

Nun, provu taksi[3] (sen kalkuli!) kiom estos la dikeco de la fald-itaĵo post 20-foja faldado!

*A. Lienhardt* (:linhart)

(*Respondo:* La dikeco de la fald-ita paperofolio estos — ne-kred'eb-le! — pli ol 100 metroj. Tute precize: ĝi estos la 20-a potenco[4] de 2, tio estas: 1 048 576 dekonoj de milimetro, do: 104.8576 metroj. Kompreneble, tute ne estas eble faldi ordinaran paperofolion tiom-foje, eĉ se ĝi havus la grandecon de iu placo en via urbo. Provu, ekzemple, per ordinara leterofolio, kies formato[5] estas 21·29 centimetroj; pli ol 7-foja faldado estas, praktike, ne ebla!)

1. milimetro: mil-ono de metro/ 2. mem-komprenebla/ 3. trovi la valoron sen kalkuli/ 4. obl'igo de nombro per si mem; ekzemple: $3^4 = 3 \cdot 3 \cdot 3 \cdot 3 = 81$/ 5. mezuro de longeco kaj larĝeco.

# ĈU VI KONAS ABBA?



Tre verŝajne, vi aŭdis ĝin en radiofonia aŭ televida programo. Se vi ne konas ĝin, aŭskultu mian prezenton!

*ABBA* estas kanta kaj muzika ensemblo[1], fama en *Svedio* kaj ekster-lande. Ĝi ricevis sian nomon el la komencaj literoj de la antaŭ-nomoj de la kvar artistoj. Ili estas du junaj paroj: *A*nnifrid Lynstad (:anifrid linstad) kaj *B*enny Andersson (:beni anderson); *B*jörn Ulvaeus (:biern ulveus) kaj *A*gnetha Fältskog (:anneta feltskug). Ili estas ĉirkaŭ 30-jaraj; la dolĉa *Agnetha* estas la plej juna, nun 27-jara.

Kiel adoleskuloj[2], la kvar ge-junuloj jam havis grandajn sukcesojn. Dum kelkaj jaroj, ili iĝis tre popularaj[3] en Svedio kaj ankaŭ en aliaj landoj. Post la granda sukceso per la mikro-kanelita[4] disko[5] *„Ring, Ring"* (sonorigu, sonorigu), ili fondis la ensemblon ABBA, en la jaro 1973. Ilia gvidisto iĝis *Stikkan Andersson*, kiu pli frue estis instruisto kaj ankaŭ pop-kantisto[6]. Li estas viro, klera pri ekonomio.

La granda sukceso de la kvar ABBA-anoj venis en 1974, dum la Eŭropa popkonkurso en *Brighton* (:brajton), kie ili prezentis sian muzikaĵon *„Waterloo"* (:ŭotalu). Antaŭ kvin milionoj da telespektantoj[7], la ABBA-kvarte-

1. grupo da muzik'istoj, kiuj kune ludas/ 2. matur'iĝ'antaj ge-junuloj/ 3. vaste kon'ataj de la popolo/ 4. son'disko, kiu surhavas 30 ĝis 40-minutan programon/ 5. disko: ronda plataĵo, kiu servas por konservi muzikon, parolon, kaj kiu estas ofte re-aŭskult'ebla/ 6. pop-muziko: speco de ne-serioza, iom sovaĝa muziko/ 7. rigard'antoj de teleprogramo/ 8. kvaropo/ 9. majstro: el-stara specialisto/ 10. okupo, al kiu oni fordonas sin por gajni monon/ 11. vojaĝo por prezenti artan programon en diversaj *urboj*/ 12. ekzemplero: ĉiu el la kopio de iu verko, gazeto aŭ son'disko/ 13. grand'sukcesa/ 14. unua-ranga; sen-ekzempla; sola en sia speco/ 15. ĉi tie: sveda mon'unuo/ 16. inspiri: doni bonajn kaj utilajn ideojn.

PIEDNOTOJ de „Ŝi saltis . . ." (9-a paĝo)

1. *Olimpiko*: internacia sporta konkurso en ĉiu kvara jaro/ 2. granda sportejo/ 3. branĉo de sporto (kurado, saltado, ĵetado)/ 4. ĉi tie: rekta lignaĵo, kiun oni devas transsalti/ 5. la plej bona atingo en iu sporto-branĉo/ 6. tiu, kiu studas.

to[8] gajnis la Eŭropan majstr'econ[9]. Tiu sukceso estis, por ili, la komenco de monda kariero[10]. Ili estis la unuaj svedoj, kiuj ricevis la rajton ludi en „*Top of the Pops*" (t. e. supro de la „pop"), la plej granda pop-programo de BBC (t. e. angla radiofonia entrepreno) kaj de Eŭropo. Poste, sekvis turneoj[11] en pluraj Eŭropaj kaj ekster-eŭropaj landoj. Dum turneo en *Usono* (1975), la ABBA-anoj rikoltis grandan sukceson, interalie en *Las Vegas*. Ilia vizito al *Aŭstralio*, en 1976, estis la plej granda popsukceso en tiu mondo-parto.

Krom „*Ring, Ring*" kaj *Waterloo*", la ABBA-kvarteto produktis plurajn son'diskojn, ekzemple: „*ABBA*", „*Greatest Hits*" (t. e. Plej grandaj sukcesoj), „*Arrival*" (t. e. Alveno), „*I do, I do, I do*" (:aj du; t. e. Mi jes). La disko „*The name of the game*" (t. e. La nomo de la ludo), dum mallonga tempo, vendiĝis en pli ol 1 500 000 ekzempleroj[12], nur en *Svedio*. La lasta disko, „*The Album*" (t. e. La albumo), en unu sola semajno, iĝis vendita en pli ol unu miliono da ekzempleroj en *Skandinavio*. Oni kalkulis ke, post la furora[13] sukceso en *Brighton* (1974), ABBA vendis en-tute 50 milionojn da diskoj. ABBA verkis ankaŭ filmon: „*ABBA — Movie*" (t. e. ABBA-filmo).

La ABBA-entrepreno — kune kun sia gvidisto Stikkan Andersson, la „kvina ABBA-ano" — do rikoltis unikan[14] sukceson, kaj iĝis muzika industrio. La entrepreno gajnis, en 1977, 48 milionojn da svedaj kronoj[15]. Nun-tempe, ABBA estas ne nur muzika entrepreno, ĝi komercas ankaŭ per artaĵoj kaj sportiloj.

La ABBA-anoj loĝas en *Stokholmo*. Plej volonte, ili pasigas siajn liberajn tagojn en trankvila hejma vivo, aŭ sur la kamparo. Dum so-




De maldekstre dekstren
*Benny Andersson*
*Annifrid Lynstad*
*Agnetha Fältskog*
*Björn Ulvaeus*

mera liber'tempo, ili preferas sian propran sekretan insulon, meze en la belega Stokholma insularo. Tie, ili ripozas kaj ricevas inspiron[16] por ven'onta muzika laboro.

Multaj el iliaj admir'antoj (angle: „fans") estas membroj de „ABBA Fan Club", Fack, S-10041 STOKHOLMO.

Laŭ *Sixten Öhrner* (Svedio)

# Ŝi saltis plej alten



*Estis vendredo, la 26-a de aŭgusto 1977. En la Olimpika[1] stadiono[2] de Okcidenta Berlino, okazis internaciaj konkursoj en malpeza atletiko[3]. Jam estis vespero. En la stadiono, konkuris la virinoj pri saltado laŭ alteco. La lato[4] kuŝis je la alteco de du metroj. Ĝis nun, neniu virino sukcesis transsalti tian altecon. Estis la 20-a horo kaj 14 minutoj. Sekvis la sportistino el la Germana Demokratia Respubliko (GDR): Rosemarie Ackermann (:rozemari akermann). Ŝi ek-saltis kaj... sukcesis! Ŝi, la unua virino en la mondo transsaltis du metrojn alte. Nova monda rekordo[5]!*

*Rosemarie Ackermann estas 26-jara junulino kaj studentino[6]. Ĉiu, kiu interesiĝas pri sporto, certe jam aŭdis pri ŝi. En la jaro 1976, ŝi venkis dum la Olimpiaj ludoj en Montreal. Ekde 1974, ŝi ĉiam pli-bon'igis la mondan rekordon.*

*Pli ol mil infanoj sendis al ŝi demandojn pere de junul'ara gazeto. Ĉi-sube, vi trovos kelkajn el la demandoj kaj ŝiaj respondoj.*

Demando: *Ĉu, antaŭe, vi kretis mia revo; sed mi ĉiam rigardis la ŝancon laŭ reala maniero.*

Respondo: *Jam de longe, tio estis mia revo; sed mi ĉiam rigardis la ŝancon laŭ reala maniero.*

D: *Vi transsaltis vian propran staturon je pli ol 25 centimetroj. Ĉu vi ne timas tian altecon?*

R: *Oni ofte devas, por gajni kelkajn centimetrojn, trejni sin streĉe dum unu tuta jaro. Sed timon mi sentis neniam.*

D: *Kiom alte oni saltos en la est'ont'eco?*

R: *Mi ne ŝatas profet'aĵojn. La junaj sportistoj certe uzos niajn spertojn. Oni saltos ĉiam iom pli alten.*

D: *Kiel vi pri-juĝas vin mem?*

R: *Tio estas malfacile direbla. Mi certe estas ambicia kaj strebema. Mi metas, al mi, taskojn malfacilajn sed atingeblajn.*

D: *Kiel vi lernis en la lernejo, kaj kion vi faras nun?*

R: *Mi estis meze bona lernantino; kaj mi povis atingi multon nur per diligenteco. Plej multe, mi amis sporton, biologion kaj historion. Mi lernis la profesion de vendistino; kaj nun, mi estas studentino pri ekonomio.*

D: *Kiujn ŝat'okupojn vi havas?*

R: *Mi volonte vizitas kinejon, aŭskultas muzikon kaj faras artajn man'laborojn.*

D: *Kie vi ekkonis vian edzon?*

R: *Dum balo de sportistoj.*

## Tabelo pri la mondaj rekordoj de virinoj en saltado laŭ alteco

| | | |
|---|---|---|
| 1928 | CAROLINE GISOLF (Nederlando) | 1,60 m |
| 1932 | JEAN SHILEY (Usono) | 1,65 m |
| 1943 | FANNY BLANKERS-KOEN (Nederlando) | 1,71 m |
| 1956 | IOLANDA BALAS (Rumanio) | 1,75 m |
| 1958 | IOLANDA BALAS (Rumanio) | 1,80 m |
| 1960 | IOLANDA BALAS (Rumanio) | 1,85 m |
| 1961 | IOLANDA BALAS (Rumanio) | 1,90 m |
| 1971 | ILONA GUSENBAUER (Aŭstrio) | 1,92 m |
| 1974 | ROSEMARIE ACKERMANN (GDR) | 1,95 m |
| 1976 | ROSEMARIE ACKERMANN (GDR) | 1,96 m |
| 1977 | ROSEMARIE ACKERMANN (GDR) | 2,00 m |

*D: Ĉu estas malfacile el-teneble, esti vaste kon'ata?*

*R: Kelka-foje, jes. Ofte, oni rigardas min de la kapo ĝis la piedoj. Foje, mi ricevas florojn kaj bon'dezirojn, sur la strato, de fremdaj homoj.*

*D: Kiajn planojn vi havas?*

*R: Dum la nun-jara Eŭropa ĉampioneco, en Praha, mi volas defendi mian titolon. Nur poste mi decidos, ĉu mi daŭrigos mian sportan agadon aŭ ne.*

*En tiu ĉi jaro, la plej grava konkurso por sportistoj de malpeza atletiko okazos en Praha, la ĉef-urbo de Ĉeĥoslovakio.*

*Nun, kiam vi legas tiun artikolon, vi jam konas la rezultojn. Ni scias pri novaj rekordoj kaj konas la novajn ĉampionojn de Eŭropo. Ĉu Rosemarie Ackermann estas inter ili?*

*Dieter Berndt (GDR)*

PIEDNOTOJ sur la 7-a paĝo!




# LUL'KANTO[1]

Versoj de *Jan van Schoor* Muziko de *V. Heimlich*







ABC POR KOMENCANTOJ

1. luli: en-dorm'igi infaneton/ 2. trezoro: multe-valoraj aĵoj.

# GO

## INTERESA JAPANA LUDO

En Japanio, ekzistas interesaj ludoj: GO, ŜOGI kaj RENĴU, ŝat'ataj de geknaboj kaj matur'uloj. Nun, mi prezentas al vi la ludon: *GO*.

Oni ludas ĝin sur kvadrata tabulo, kiu konsistas el 19 horizontalaj[1] kaj 19 vertikalaj linioj. Tiel, ek-estas 361 krucetoj ($19 \cdot 19 = 361$). La du lud'antoj, „nigr'ulo" kaj „blank'ulo", bezonas multajn blankajn kaj nigrajn disketojn[2] (oni povas anstataŭ-igi ilin per moneroj aŭ butonoj aŭ per io simila).

Unue, la „nigrulo" metas disketon sur iun el la krucetoj, poste la „blankulo" sur alian kruceton, laŭ-plaĉe. Ree sekvas la nigrulo, poste la blankulo kaj tiel plu, ĉiam alterne[3] kaj sin-sekve.

Ambaŭ ludantoj (nigrulo kaj blankulo) celas ĉirkaŭ-bari kiel eble vastan teritorion[4]: landon *(ĝi)*, kiu en-havas krucetojn *(me aŭ moku)*; kaj celas kapti kiel eble plej multe da malamikaj disketoj. La nombro de la okupitaj krucetoj, kaj tiu de la kapt'itaj disketoj decidas pri la venko (unu kruceto egal'valoras al unu kaptita disketo).

Oni uzas multajn alt'kvalitajn strategiojn[5]; sed mi povas prezenti, ĉi tie, nur kelkajn ekzemplojn.

NIGRULO




BLANKULO

Teritorioj $A_1$, $A_2$, $A_3$, kun 3 krucetoj, apartenas al la nigrulo.

Teritorio B, kiu enhavas 4 krucetojn kaj 2 kaptitojn (la blankulo for-prenos ilin en la fino!), estas lando de la blankulo.

Teritorio C estas neŭtrala[6] lando, kun 3 neŭtralaj krucetoj *(dame)*. Ili apartenas al neniu.




Teritorio Ĉ ŝajnas esti lando de la blankulo; sed se nigraj disketoj en-venas, kiel ĉe la figuro[7] D, aperas 3 neŭtralaj kaj 2 nigrulaj krucetoj.

Ĉe la figuroj $E_1$, $E_2$ — se la blankulo sekvas — la blankulo en-fermas la nigra(j)n disketo(j)n; sekve, li for-metas ĝin/ilin (ĉar ĝi/ili estas plene ĉirkaŭbar'itaj) en sian skatolon, kaj sam'tempe li akiras 1 aŭ 2 krucetojn. La nigrulo — se li sekvas meti disketon — devas, do, eskapi[8], etend'ante sian ĉenon (figuroj $G_1$, $G_2$).

El-uz'ante la neperfektan ĉenon de la nigrulo (figuro $A_1$), aŭ tiun de la blankulo (figuro B), oni povas invadi[9] la malamikan landon. Rigardu atente la subajn movojn!

Teritorio $Ĝ_1$ jam apartenas al la blankulo, ĉar

(komparu kun la figuro D!). Sed... atentu! Se nigraj disketoj tie la nigrulo ne havas sufiĉan spacon por formi landon komencas atakon kiel en figuroj $\hat{G}_2$, $\hat{G}_3$, $\hat{G}_4$, la blankulo devas liberigi la 3 kaptitojn. Por eviti perdojn, la blankulo devas perfektigi sian ĉenon, kiel en figuro $\hat{G}_5$.

Pri la figuro H: La venko de-pendas de tio, kiu sekvas meti disketon. Se la nigrulo kaptas la suban blankan disketon, li metas ĝin en sian skatolon. Sur la ĵus liber'ig'itan kruceton la blankulo *ne devas* tuj meti sian disketon. Tiu malpermeso estas nom'ata: *ko.*

Tia-maniere, la ludantoj dividas la tutan spacon kaj, fine, ili nombras la okupitajn krucetojn kaj kaptitojn. Gajnas tiu, kiu okupis pli da krucetoj kaj disketoj. La diferenco montras diferencon en talento[10].

Se vi havas demandojn, skribu al *S-ro Okumura-Rinzo,* Imagaŭaĉo 663; Higaŝi-Sumijoŝi-ku; OSAKA 546, *Japanio.*




1. mal-vertikala/ 2. disko: plata rond'aĵo/ 3. jen unu, jen alia/ 4. teritorio: spaco, kiu apartenas al iu/ 5. strategio: arto lerte sin movi, por atingi venkon/ 6. aparten'anta nek al unu, nek al alia/ 7. bild'igo de plano/ 8. for-kuri; sin liberigi/ 9. per-forte en-iri kaj ek-okupi fremdan landon/ 10. kapablo saĝe pensi.






LA RUBRIKON[1] GVIDAS
*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289,
290-01 PODEBRADY
*Ĉeĥoslovakio*
Sendu ĉiun korespondaĵon
rekte al lia adreso!

● Karaj geknaboj! Kun-venu regule en via klubo, por legi la revuon JUNA AMIKO kaj por amuzi vin dank' al Esperanto! Skribu al ni pri tio, kaj petu vian en-registrigon[2] kiel „Klubo de Legantoj"!

● En KJA/1 — „Esperantista Societo Anna Frank" en VRACA *(Bulgario)*, mortis la fond'into de la klubo, *Enjo Daskalov*. Ni ne forgesos pri liaj meritoj.

● En aprilo 1977, estis fond'ita nova Klubo: KJA/9 (Esperanto-klubo de Hikarigaoka Kooko; Hikarigaoka 1, Nerima, TOKIO 1976; *Japanio)*. Ĝi konsistas el 7 membroj, kies aĝo estas 14 ĝis 16 jaroj. Ni deziras al ili multan ĝojon per Esperanto.

● Propono de temoj por viaj kunvenoj: Kontribuoj[3] de kosmaj esploroj al la ĉiu-taga vivo — Horloĝoj sen montriloj — Ven'ontaj Olimpiaj ludoj[4].

● X. Y. sendis vidaĵ'karton pri sia vojaĝo. Li preparis sian tekston[5] malnete[6], kopiis ĝin malbone kaj ŝanĝis plurajn literojn. Tial la teksto estas malbone kompren'ebla. Provu skribi la ĝustan tekston, kaj sendu ĝin antaŭ la apero de la nova numero! Ĉiu letero estos premiita.



*„Kavaj lama radoj! Mi fendas al vi ĉiuj el-kolan salaton el mia seria vokaĝo. Mi aretis la plej selan ŝildkarton, kiu montras al vi la arbon, kie mi lotis dum unu semajno. La tifan pastelon super la arbo mi fidis. Krome, proksime estas tre kon'ata tablo-ŝtona rozaro, kie mi ankaŭ tagis. Mi komercis tiu eĉ supren-grimpi per snurego. Tiu sperto tre klaĉas al mi. Mi bolas fonti hejme kluzon de moŝto-grimpantoj.*

*Via X. Y."*

1. parto, angulo en gazeto/ 2. en-registr'igi: oficiale en-skribigi/ 3. kontribui: helpe al-doni/ 4. internacia konkurso de sportuloj en ĉiu kvara jaro/ 5. skribaĵon/ 6. neta: pura kaj preta, post korektoj, por prezenti aŭ sendi.



# KASTORA LETERO

De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Denove, ni venis al la fino de la feria[1] periodo[2], kaj mi esperas, ke vi ĉiuj pas'igis ĝin agrable. Ĉu vi pasigis ĝin ĉe mar'bordo? Aŭ en kamparo? Aŭ en montaro? Aŭ ekster-lande? Ĉu kune kun esperantistoj? Kiel ajn vi pasigis vian liberan tempon, bonvolu SKRIBI AL MI PRI TIO! Mi nepre interesiĝos kaj, eble, mi povos aperigi vian rakonton en la ven'onta Kastora Letero.*

RAKONTO

Ĉar post la preparo de mia aprila Letero, mi ricevis nenian verkon de iu el niaj membroj, mi serĉis inter miaj malnovaj Kastoraj Leteroj, kaj trovis tie la jenan rakonton, kiu ŝajnas montri la bonan efikon de la *Kastora Promeso!* La rakonto aperis en mia Letero de junio 1967; kaj ĝia verk'intino fariĝis Arĝenta Kastoro en junio 1968. Ŝi nun havas 22 jarojn; sed jam de longa tempo ne plu estas membro de nia Klubo. Ĉu iu el niaj leg'antoj konas ŝin?

M a r g a r e t a

*Ŝi estas cigana[3] knabino en mia lernejo. Ŝia haŭto estas bruna, ŝia vesto estas stranga, longa kaj iom tro kolora. Ŝi estas malkuraĝa kaj sen-vorta, ĉar la knaboj kaj knabinoj ne amas ŝin.*

*„Mi ne volas sidi apud Margareta", diris la infanoj. „Ŝi estas malpura kaj havas pedikojn[4]."*

*„Ŝi estas ciganino; mi ne ŝatas ŝin!", kriis Eva.*

*La sinjorino instruistino iĝis malĝoja kaj diris: „Ankaŭ Margareta estas homo, same kiel vi. Ŝi ne havas pedikojn. Mi esperas, ke vi ĉiuj havas bonan koron, kaj vi estas sufiĉe saĝaj. Ĉu tial vi ne estas ciganoj, ĉar vi ne volis esti tiaj?"*

*Maria pri-pensis: „Mi promesis antaŭ la Esperanto-instruistino, ke mi »ĉiam konsideros alian homon kiel fraton«. Mi volas ami ankaŭ la ciganan knabinon Margareta."*

*„Sinjorino instruistino, mi deziras sidi apud Margareta", ŝi diris.*

*La klas'anoj multe miris; la pedagogino*[5] *ege ĝojis. De tiam, Maria ĉiam helpis al Margareta en la lernado, ludadis kun ŝi kaj defendis ŝin.*

*Kastoreto Erika Ŝandor*
*Écs, Hungario*

## NOVAĴO PRI KASTORO

Denove, mi povas doni al vi novaĵon pri malnova membro de nia Klubo, kaj ĉi-foje el la propra sperto; ĉar nia antaŭa membro *Lynne CONNOLLY* (n-ro 162), kiu estis mia lernantino kaj kiu atingis la gradon de Arĝenta Kastoro en 1967, nun ree studas Esperanton, kiun ŝi devis iom-ete for-lasi, dum ŝi preparis sin por sia laboro kiel fleg'istino.

## ĈU VI ŜATAS LEGI?

Mi estas certa, ke jes! Kaj, tiu-okaze, eble interesos vin la ĉi-subaj libroj por geknaboj. Ili ĉiuj estas sur la libro'listo de *Universala Esperanto-Asocio*, kaj eble estos hav'eblaj pere de via landa per-anto[6]. Demandu al via instruisto! La prezoj estas en Nederlandaj guldenoj; sed via landa peranto certe scios kalkuli ilin laŭ via-landa mono.

| | |
|---|---|
| AMUZO PER SCIENCO (75 simplaj eksperimentoj[7], kiujn vi mem povos fari) | gld 4,80 |
| ĈASADO KUN AVOĈJO (Ĉina bild'libreto) | gld 1,20 |
| EBRIA MUSO | gld 1,80 |
| ERNA (tra-vivaĵoj de knabineto) | gld 2,10 |
| JUNAJ DETEKTIVOJ | gld 1,50 |
| JUNAJ TREZOR'SERĈANTOJ | gld 0,90 |
| KARLO (infan'literaturaĵo) | gld 2,10 |
| LA LONGA MARŜO | gld 0,90 |
| MORSO-KLUBO[8] KAJ TREZOR'SERĈADO[9] | gld 2,10 |
| SAVO EL LA NEĜO (aventuro[10]) | gld 3,90 |
| ŜTEL'ITA LAMPO (pri flug'anta tapiŝo) | gld 2,40 |
| VORT'LUDOJ (simplaj) | gld 0,60 |

Vi vidas, ke la libroj ne estas tre multe-kostaj; krome, ili ne estas tro longaj, kaj lernantoj facile povas fin'legi ilin.

## NIAJ PROMOCIITOJ

La jenaj membroj atingis pli altajn gradojn inter la preparado de la lasta Kastora Letero kaj la fino de majo:

FARIĜIS ARĜENTA KASTORO:
650 HOLAKOVSKÁ, Jitka *(Ĉeĥoslovakio)*

FARIĜIS BRUNAJ KASTOROJ:

736 I. Bácsalmási *(Hungario)*; 738 M. Gyöngyik *(Hungario)*; 739 K. Kiss *(Hungario)*; 740 C. Kromes *(Hungario)*; 741 M. Nagy *(Hungario)*; 742 E. Pozbai *(Hungario)*; 743 S. Szabó *(Hungario)*; 744 E. Szajkó *(Hungario)*; 745 M. Tuzák *(Hungario)*; 746 J. Buthi *(Hungario)*; 748 J. Irha *(Hungario)*; 750 L. Rostás Farkas *(Hungario)*; 752 G. Sztankovics *(Hungario)*; 770 J. Hanzalová *(Ĉeĥoslovakio)*; 771 P. Hanzalová *(Ĉeĥoslovakio)*; 773 R. Dvořáková *(Ĉeĥoslovakio)*; 775 L. Prachař *(Ĉeĥoslovakio)*; 798 R. Dvořáková *(Ĉeĥoslovakio)*; 799 R. Brtnová *(Ĉeĥoslovakio)*; 800 M. Janu *(Ĉeĥoslovakio)*; 759 J. Kiss *(Hungario)*; 767 K. Szilágyi *(Hungario)*; 827 P. László *(Hungario)*; 828 L. Schmidt *(Hungario)*; 829 Á. Szászik *(Hungario)*; 830 J. Vári *(Hungario)*; 832 E. Ferenczi *(Hungario)*; 833 H. Gyurócsik *(Hungario)*; 834 A. Kovács *(Hungario)*; 835 E. Kovács *(Hungario)*.

PIEDNOTOJ sur la 23-a paĝo

## enigmo

m
k v a d r a t o
g
i
a[1]

*Skribu ĉiam la saman vorton horizontale[2] kaj vertikale!*

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | | | |
| 2 | | | | | | |
| 3 | | | | | | |
| 4 | | | | 5 | 6 | 7 |
| | | | 5 | | | |
| | | | 6 | | | |
| | | | 7 | | | |

*(R = nur la radiko de la vorto)*

1. Ĝi kovras la plej grandan parton de la Ter'globo; 2. Iĝi videbla (R); 3. Sonĝi sen dormo; 4. Direkto, en kiu la suno leviĝas; 5. Direkto, kiu montras al poluso[3] (R); 6. Verko por tri muzik'iloj; 7. Oni sentas ĝin per la nazo (R).

Sendu la solvon antaŭ la 1-a de januaro 1979 al s-ro *Dieter Berndt*, Berolinastr. 2., 102 BERLIN, *GDR*. Ni premios ĉiun ĝustan solvon.

1. miriga; super-natura/ 2. mal-vertikale (—)/ 3. mal-varmega parto de la Tero.

# ANEKDOTOJ




*Germana princo[1] ordonis ĝeneralan per-fortan rekrutigon[2] en sia lando. Ankaŭ la sola filo de la vidvino[3] de ŝuo-faristo estis rekrutig'ita.*

*Tiam, la patrino iris al la princo mem, kaj petis lin, ke li liberigu ŝian filon.*

*„Mi ne povas helpi al vi", respondis la princo, „ĉar eĉ miaj propraj filoj devas servi en la armeo[4]."*

*„Tio estas komprenebla", diris la vidvino, „ĉar la filoj de Via Moŝto[5] ja lernis nenion. Sed mia filo estas ŝuisto!"*

*La princo ridis kaj ordonis liberigi ŝian filon.*

## LA EN-TER'IGO DE MOLIERE

*En la jaro 1673, kiam mortis Molière (:moljer), la fama franca verkisto de komedioj[6], la Pariza ĉef-episkopo[7] malpermesis en-tomb'igi[8] lin en la benitan[9] teron de la urba tombejo. Nek petoj, nek minacoj de la amikoj de Molière povis aliigi la obstinan[10] decidon.*

*Kiam la tiama reĝo Ludoviko la XIV-a vidis, ke neniaj rimedoj helpas super-venki la obstin'econ, li demandis al la ĉefepiskopo:*

*„Kiom profunda estas la benita tero?"*

*La ĉefepiskopo, kiu ne pensis*



ABC
POR KOMENCANTOJ

*pri ruzeco de la reĝo, respondis:*

*„Du metrojn profunda ĝi estas, Via Reĝa Moŝto."*

*„Bone", daŭrigis la reĝo. „La tombistoj el-fosu tombon je tri metroj profundan! Tia-maniere, Molière estos enterig'ita unu metron sub la benita tero."*

*Kaj tiel oni faris . . .*

1. mez-epoka riĉa alt'rangulo/ 2. rekruto: soldato, kiu ĵus komencis militan servadon/ 3. edzino post la morto de sia edzo/ 4. tre grand'nombra soldataro/ 5. titolo de altranguloj/ 6. komedio: rid'iga teatr'aĵo/ 7. tre alt'ranga religiulo/ 8. tombo: fosaĵo por mort'into/ 9. beni: peti Dion pri helpa inter-veno; benita: sankta/ 10. obstina: tia, ke li ne akceptas la opinion de aliaj homoj.

---

# PRINCINO[1] DE LA LUMO

## *Japana legendo*[2]

Antaŭ tre multaj jaroj, kune vivis, en Japanio, iu maljunulo kaj maljunulino. Ili vivis feliĉaj, kvankam ili estis malriĉaj.



*La malĝoja princino rigardas al la luno.*

Dum la maljuna edzino laboris hejme, la maljuna edzo iris al monteto por preni bambuojn[3], el kies vergoj[4] li faris korbojn, ujojn kaj malgrandajn ekranojn[5]. Tio estis lia vivo-rimedo; kaj tial, li ricevis la nomon „Avo Bambuisto". Ili havis nek filon, nek filinon; pro tio, ili ambaŭ multe malĝojis.



*La eta fraŭlino hont'eme iom kovras sian rizaĝon per vent'um'ilo.*

En iu tago, Avo Bambuisto trovis strangan trunkon de bambuo. Mistera[6] lumo eliris el ĝi. Li prenis la bambuo-



*Send'itoj de la luno venas por preni ŝin al ŝia hejmo-lando, la luno.*

trunkon kaj, en ĝi, li trovis ĉarman etan knabinon.

De tiam, la eta knabino loĝis kun ili. Ŝi kreskis kaj iĝis belega fraŭlino. Oni nomis ŝin „Princino de la Lumo".

Dume, la honesta Avo Bambuisto trovis oron en ĉiu bambuotrunko; kaj, iom post iom, la du maljunuloj iĝis feliĉaj riĉuloj kun ĉarmega filino.

Ŝia famo dis-vastiĝis tra la tuta lando; kaj multaj junaj nobeloj[7] venis, por edz'iĝ'eme peti ŝian manon. Sed ŝi rifuzis ĉiujn proponojn por edziniĝi. Eĉ la juna Mikado[8] deziris preni ŝin kiel edzinon; sed vane. Ŝi donacis al li incenson[9] de sen-morteco, kaj supren-iris al la luno, en nokto de plen'luno, ĉar ŝi estis ĉiel'ul'ino.

La Mikado, malĝoja, bruligis la incenson sur la plej alta monto de la lando. La monto, nom'ata „Sen-morto", ankoraŭ nun-tempe el-igas fumon.

Tradukis: *Rinzo-Okumura*

Grafikoj de f-ino Ando Masami

1. princo: unua-ranga persono; elekt'ito/ 2. rakonto pri malnova okazaĵo/ 3. bambuo: alta kreskaĵo en varma-zonaj regionoj, uz'ata en domo-konstruado kaj por mebloj/ 4. juna maldika branĉo/ 5. ekrano: apart'iga mebleto, kiu ŝirmas kontraŭ vento, varmo k. t. p./ 6. enhav'anta ion kaŝ'itan, sekretan, malklaran/ 7. nobelo: alt'ranga riĉulo en la mez'epoko/ 8. Mikado = Tenno: japana reĝo/ 9. aĵo kun bon'odora fumo, uz'ata en preĝejoj.

## PROVERBOJ

*Pli kostas la sako, ol la tuta pako.*
*Longe ĉerpas la kruĉo, ĝis ĝi fine rompiĝas.*
*Temp' estas valoro simila al oro.*
*Por ĉiu ago venas tempo de la pago.*
*Blinde pafi — eble trafi.*
*Kiu kaptas glavon, tiu pereos per glavo.*

*Ludmila Jevsejeva*

ABC

# KIAL MI DORMU?

Nia najbaro aŭskultas radion;
iu, bel'voĉe, plenumas arion[1].

Tra la fenestro lanterno[2] sci'volas;
dormi, dum nokto, ĝi tute ne volas.

Movas sin ankaŭ horloĝa pendolo[3].
Muso susuras[4] sur bret', en skatolo . . .

En kuirejo, el kran'[5], akvo gutas.
Knaras[6] la seĝoj, kaj lito ne mutas[7].

Montru al mi: Kiu dormas do? Kiu?
Kial *mi* dormu, se dormas *neniu?*

1. ario: solo en opero (= teatrajo kun kantoj kaj muziko)/ 2. lampo sur-strata/ 3. pend'anta pezaĵo, kiu pasas tien kaj reen laŭ egalaj temp'eroj 4. el-igas sonon mallaŭtan kaj iom sekan/ 5. krano: turn'ebla fermilo sur akvotubo/ 6. el-igas subitan akran sonon/ 7. muta: ne posed'anta la kapablecon paroli.



# LUDU ŜAKON!

*3-a problemo*
LÁSZLÓ SCHÓR




*Mato en 2 movoj*
(Komencas la Blanka)

*Blanka:* Rg6, De3, Ta1, Th2, Kf2, Ĉf5, Ĉg1 (7)

*Nigra:* Rf1, Dd2, Kb1, Ĉb3, Pa2, d6, f3, g7 (8)

Sendu la solvon al d-ro *J. Németh*, Szabó J. u. 3., H-6300 KALOCSA; *Hungario*, antaŭ la 1-a de januaro! Sur la poŝt'karto skribu: „*Ŝako en JUNA AMIKO*".

+ 12-jara komencanto serĉas geamikojn el la tuta mondo. Li kolektas poŝtmarkojn, insignojn, bildkartojn. Adreso: *Saulius Smelinskas;* 234365 STAKLIŜKES; Prienu raj.; *Litovio, USSR.*

+ 8 gejunuloj (inter 15 kaj 18 jaroj) deziras korespondi kaj interŝanĝi interesaĵojn. Skribu al la klubestrino: ab. kesto 8; IVANOVO-centro; 153000 *Sovetunio; Smetanina Svetlana.*

+ La 15-jara *Kristina Kerulyte* (Architektu 206-7; 232049 VILNIUS; *Litovio, USSR),* kiu interesiĝas pri sporto, muziko, artoj, naturo, deziras korespondi kun la tuta mondo.

+ *Valja Konjajeva* (15-jara) ano de Esperanto-klubo „Aŭroro" serĉas plumamikojn. Adreso: ul. Vavilova 3; TALGAR-2; Alma-Atinskaja obl.; 483310 *USSR.*




+ *Eŭgeno Georgiev,* 23-jara junulo, deziras korespondi pri ĉiuj temoj kaj interŝanĝi bildkartojn. Adreso: str. Baĉo Kiro 35, II.; B 6-1202 SOFIO; *Bulgario.*

+ 15-jara lernantino korespondus kun Bulgario, Ĉeĥoslovakio kaj Hungario. Skribu al *Tanja Ŝilenko;* ul. Polockaja, 20-v, kv. 22.; 340092 DONECK; *USSR.*

+ Anoj de la esperantista klubo „Internacia Amikeco" deziras korespondi kolektive aŭ individue kun la tuta mondo. Adreso: Esperanto-KJD; Skola N⁰16, Bitha; 354054 SOĈI; *Sovetunio.*

PIEDNOTOJ de „Kastora Letero" (16-a paĝo)

1. liber'tempa/ 2. tempo-daŭro/ 3. cigano: speco de homo, kutime tre malriĉa/ 4. insekto, kiu ŝatas vivi sur la kapo de ne-pur'emaj homoj/ 5. instruistino, kapabla instrui bone kompreneble/ 6. ĉi tie: libro-vend'anto/ 7. sciencaj provoj/ 8. morsa alfabeto: literoj telegrafe for-send'ataj per specialaj signoj (punktoj kaj streketoj); ekzemple: ... — — — ... signifas SOS = „Save our soul" = „Helpu al ni"!/ 9. trezoro: mono aŭ valoraĵoj, ofte kaŝ'itaj/ 10. ne-ordinara okazaĵo ofte danĝera.

JUNA AMIKO
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo
de la Hungara Esperanto-Asocio (H—1368 Budapest 5. Pf. 193). Responda eldonisto: TIBOR VASKÓ. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR). *M. Boulton* (Anglio). *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio). *As. Grigorov* (Bulgario). *R. Grinŝpan* (Sovetunio). *V. Heimlich* (Israelo). *L. Jevsejeva* (Sovetunio). *E. Linz* (Aŭstrio), *R. Okumura* (Japanio). *s-ino Ősz* (Hungario). *B. Ragnarsson* (Islando). *Z. Rehoriĉ* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hinda Unio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *s-ino M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), *W. Zytyński* (Pollando). Grafikistoj: *J. Klement, P. Rak* (Ĉeĥoslovakio). *S. Plugor* (Rumanio). *s-ino É. Vali, Z. Vámos* (Hungario). Lingva kontrolo: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).
Kiadói Főig. engedélyszáma:
Minisztertanács Táj. Hiv. — III. IFJ/30/76

## RIPROĈO AL PATRO



„La mondo estas maljusta! La taskon faris *vi*, kaj *mi* ricevis malbonan noton."

1. diri kelke da vortoj pri io/ 2. inter-parolo.

## LECIONO PRI FIZIKO

Dum leciono pri fiziko, la instruisto parolis pri la ŝanĝiĝo de la *longeco* de korpoj pro la varmo kaj la malvarmo. Fine, li demandis al la lernantoj:

„Ĉu iu, el vi, povus mencii[1] ekzemplon?"

„Jes," rapide respondis Petro, „en somero, la tagoj iĝas pli *longaj;* male, en vintro, ili iĝas malpli *longaj*."

## DIALOGO[2] DE EBRIULOJ

„Bon'volu informi min! Kio nun lumas sur la ĉielo? Ĉu la suno aŭ la luno?"

„Mi ne scias. Mi ne loĝas en ĉi tiu urbo."



# humuro



## ANTAŬ-VIDO

„Onklo Johano, vi sidas en inversa direkto sur la selo de via ĉevalo!"

„Ne gravas, kara nevo! Mi tuj re-venos."